# Sennaciulo

Oficiala organo de sennacieca asocio tutmonda

Junio 2002 73-a jaro, n-ro 6 (1164)

ISSN 1163.0442 MENSUEL/MONATA

*Pri la enhavo de artikoloj respondecas la aŭtoroj mem*

http://www.sat-esperanto.org/ *** retadreso: satesper@noos.fr





SAT-ANOJ KUTIMIĜU AL EKSTERNACIA SENT-, PENS-, KAJ AGADKAPABLO! LANTI

## El la redaktejo...



*Karaj gekamaradoj, jen la lasta numero de Sennaciulo antaŭ la kongreso en Alicante. Ĝi alportas al vi interesan, gravan informon pri la apero de la Nova PIV, ĝuste dum tiu ĉi kongreso. Espereble vi jam aliĝis kaj partoprenos solenan inaŭguron de tiu grava verko. Pri la tuto ni informos la neĉeestantojn en la unua postkongresa numero.*

*Dum tiu ĉi kongreso ni devos alpreni plurajn decidojn kiuj koncernas la estontecon de SAT. Al la kongreso estos prezentitaj novaj kandidatoj por la Plenum-Komitato kaj Ĝeneralaj Konsilantoj. Fine de la jaro vi ĉiuj devos per referendumo voĉdoni por ili, tiel ke la nova P.K. povu ekfunkcii ekde marto 2003.*

*Dezirante al ĉiuj agrablan SAT-kongreson kaj somerajn feriojn, mi kamaradece salutas vin.*

*Via Redaktoro*

Asocia sidejo de S.A.T., administrejo kaj redaktejo: 67, avenue Gambetta, FR-75020 Paris, tel. +33.1.47.97.87.05, telekopiilo: +33.1.47.97.71.90.
Retadreso: satesper@noos.fr.
TTT-paĝoj: http://www.sat-esperanto.org
Oficejo malfermita: lunde de 9h30-15h30; de mardo ĝis vendredo: 9h30-16h30. Ekster la laborhoroj funkcias aŭtomata registrilo.
Poŝtkonto: SAT n° 1234-22 K, Paris.
Redaktas: Redakta Komitato - P. Lévy, G. Rollin kaj K. Barkoviĉ.
Ĉefredaktoro : Kreŝimir Barkoviĉ
Ekspedejo de Sennaciulo: adreso de la redaktejo.
Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem. Ricevitajn manuskriptojn oni ne resendas. La limdato de ricevo de manuskriptoj estas la 10-a de kuranta monato.

*

Imprimé par : S.I.B., B.P. 343, FR-62205 Boulogne-sur-Mer Cedex, Francio.
Aperas monate - Mensuel.
Le directeur de la Publication: Jacques BANNIER
Abonnement annuel/jara abono France 52€
Autres pays/aliaj landoj : peti la tarifon de nia peranto aŭ de la SAT-Centro.
Dépot légal à la date de parution.
**Commission Paritaire n° AS-74399**
**Limdato por ricevo de kontribuaĵoj estas ĉiam la 10-a en la monato.**

# GRAVA EVENTO

## Post 1971 aperas renovigita Plena Ilustrita Vortaro




Dum la SAT-kongreso en Alicante estos inaŭgurita tute renovigita Nova P.I.V. Tiun ĉefverkon principe inaŭguros ĝia ĉefredaktoro, nia k-do Michel Duc Goninaz. Sciigo pri la solenaĵo kaj aliaj informoj pri la nova verko aperos en la postkongresa Sennaciulo.

La lanĉa prezo de la Nova P.I.V. estas 70 € + reg.afranko.

ATENTIGO AL NIAJ KUNLABORANTOJ

Ni petas ĉiujn niajn kunlaborantojn sendi al ni siajn tekstojn ĉu per la reto en la formato de teksto aŭ sur la disketoj en la formatoj de Word, Apple (Claris)Works, aŭ prefere en la formato RTF. Bonvolu nepre tajpi viajn tekstojn per la sistemo x (cx = ĉ, sx=ŝ ktp) ĉar tio ebligas al ni facile transformi la tekston en normalan Esperanton. Se vi sendas tekstojn surpapere, vi tajpu ilin normale. Dankon.

La Redakcio

# 1a de Majo en Parizo

## Ni estis 1 +1 + 1, kaj tiel plu ĝis 1 500 000 aŭ multe pli

Unu, tute sola, tio estas jam pli bona ol nulo ! Kaj tamen, ĉar unu sola moviĝis, kaj alia, ankŭ sola, faris same, kaj ankorŭ alia, homoj tiel amasiĝis senfine. Kelkloke ili tiel kunpremiĝis ke estis neeble atingi difinitan lokon. La kunpremiĝo estis eĉ momente tiel forta ke mi mem, dum duonhoro, estis ne tute kvieta. Ne plu estis eble moviĝi. Ĉio povas okazi dum tiaj momentoj : plifortiĝas la premo jen de unu flanko, jen de alia; oni pli malpli perdas ekvilibron. Tamen, finfine, kvazaŭ




hombloko — en kiu mi estis ! — moviĝis en la direkto de la bulvardo de la Templo de kie la manifestacio devis forlasi la Placon de la Respubliko. Malkompaktiĝis la hombloko. Estis jam eble moviĝi pli libere. Ni iris atendi sur la larĝega trotuaro kaj komencis, ĉirkaŭ nia banderolo **«Espéranto - La Langue Internationale pour les travailleurs»** (Esperanto - la Internacia Lingvo por la laboristoj) disdoni flugfoliojn pri Esperanto kaj la SAT-movado. Ĉe multaj balkonoj aperis slogantukoj aŭ -paneloj. De tie homoj fotis aŭ salutis la amason. Estis ankaŭ aplaŭdoj al kiuj reciprokis la manifestaciantoj. La ekiro okazis de la Placo de la Respubliko kun granda malfruo. Ege diskreta estis la polico laŭlonge de la irvojo kiu kondukis al la Placo de la Nacio tra la Placo de la Bastille. En la komenco de la manifestacio, ĉe fenestro de unua etaĝo, viro montris grandan paperfolion sur kiu li skribis : «Nous sommes 1. 250. 000» (ni estas 1 250 000). Ni ĝoje dankis kaj aplaŭdis. Plue alvenis homoj ankaŭ de flankstratoj, kaj la homamaso estis tiom impona ke ĝi dividiĝis laŭ tri stratoj por atingi la celon. Foje aŭdiĝis tre impresa kelksekunda kriegado alvenanta el la kapa parto de la manifestacio; al ĝi reeĥis tiuj kiuj aŭdis ĝin kaj tiel plu ĝis la fino.

La homoj havis ĝenerale kvietan aŭ eĉ ridetetan mienon... kiam ili ne ridegis. Ili bone akceptis la flugfoliojn; ni estus povintaj disdoni almenŭ dekmilojn. Ni havis nur eble 1500 aŭ 2000. Ili ne estis forĵetitaj. La etoso estis amika, preskaŭ festa. Nian banderolon oni bone rimarkis, kvankam ni daŭre marŝis sur la trotuaro, escepte post la Placo de la Bastille kie ni povis enviciĝi inter ĉiuj aliaj. Estis ankaŭ homoj kiuj venis al ni, ĉu por peti flugfolion aŭ informon, klarigon. La kontaktoj estis interesaj. Estas notinde ke al la alvoko de SAT respondis ankaŭ membroj de FET, kelkaj gejunuloj de JEFO, SAT-Amikaro kaj eble aliaj organizoj, eble dudeko aŭ trideko da personoj entute. Oni povas supozi ke pro la granda malfacileco moviĝi en tia homamaso, aliaj esperantistoj ne povis atingi nin, precipe se ili ne bone konis la lokon. Kelkaj perdiĝis dumvoje. La proporcio de gejunuloj en la manifestacio estis aparte grava.




En la manifestacio, la sloganoj ne estis speciale reverencaj al la du restantaj kandidatoj al prezidenteco : «Au pays des aveugles, le borgne est Führer» (En la lando de la blinduloj, la unuokululo estas Gvidanto, pro tio ke la kandidato Le Pen, reprezentanto de la ekstremdekstra politiko, estas blinda je la maldekstra okulo); «Le Pen, 100% de matière grasse, 0% de matière grise» (Le Pen, 100% da grasaĵo, 0% da inteligenteco), aŭ eĉ : «Le 5 mai, je trie mes déchets : je vote Chirac» (la 5-an de majo, mi kribros miajn rubojn, mi voĉdonas por Chirac).

Sed nun, post tiu tre bela momento, kia ajn estos la rezulto de la balotoj, restos amaso da tre gravaj solvendaj problemoj, kiuj trafas ne nur Francion, kies ĝenerala stato estas relative bona kompare al la plimulto el la landoj de la mondo.

La lingva dimensio de tiuj problemoj estis tute neglektita dum jardekoj. Ni kaj la tuta mondo pagas nun egkoste la koncentriĝon de la regado de ĉiuj fluoj de interŝanĝo per unu sola pseŭdointernacia lingvo, kiu servis kaj plue servas, kun plifortiĝanta efikeco, unue la interesojn de kelkaj nacioj malprofite al ĉiuj ceteraj.

Jam de jardekoj, la ceteraj nacioj elspezas grandan parton el la budĝeto de edukado por instrui lingvon kiu igas ilin dependaj de potencoj kies ambicio estas superregi la tutan mondon kaj akapari al si ĉiujn riĉofontojn. La sindikatoj ne kapablas efike interrilati internacie, eĉ nur eŭrope, kaj ties membroj eĉ tute ne povas interkompreniĝi, interkonatiĝi por malkovri ke ili havas komunajn interesojn. Kreskas ĉie tra la tuta mondo la risko de konfuza konflikta detrua situacio en ĉiuj landoj, dum la tuta ekonomia sistemo, kiun disvastigas kaj ŝirmas Usono, respondecas pri tiu situacio regata de potencaj financaj interesoj entute senigitaj je homeco.

Ni, membroj kaj simpatiantoj de la SAT-movado, estis je nia ĝusta loko en tiu

manifestacio kaj aliaj kiuj okazis en pliaj urboj : Amboise, Tours, Toulouse, Millau, Thionville, Metz, Châteauroux, k.a.
La matenon de la 1-a de majo, antaŭ ol iri al tiu manifestacio, mi prenis la tempon kviete legi la 120-paĝan libron «La Mise en place des monopoles du savoir» (La starigo de la monopoloj de la scio», de Charles Durand; eld. L'Harmattan, Parizo)
Ĝia legado postulas malmulte da tempo, kaj ĝia enhavo povas multe helpi en kompreno de la rolo kiun ludis la senpripensa politiko de internacia lingva komunikado en la krizo kiu trafas nun la tutan mondon. Estus bone ke tiuj manifestaciantoj, sed ankaŭ la milionoj da voĉdonantoj, de kia ajn tendenco ili estas, kaj ankaŭ la gejunuloj kiuj ne havas ankoraŭ la aĝon por voĉdoni, havu konon kaj konsciencon pri tio.
Mi vokas niajn geamikojn de Porto Alegre, de movadoj kiel ATTAC, ekologiistoj, liberecanoj, mondcivitanoj kaj aliaj organizoj kaj partioj kiuj celas socion kun homeca vizaĝo, dediĉi vere grandan atenton al tiu lingva demando. Kvankam ĝi pritraktas la problemon el la vidpunkto de defendo de la franca lingvo, de neesperantisto, ĝi tute same validas por alilingvanoj por ke ili komparu kaj efektivigu saman serĉadon ĉirkaŭ sia propra lingvo kaj la demando de internacia lingvo. Ĝia traduko en ĉiuj lingvoj de la mondo estas dezirinda. Estas notinde, ke la aŭtoro, kiu nur pro nescio pri la efektiva vivanteco kaj utileco de Esperanto, uzis la pejorativan (aĉigan, malestiman) vorton «espéranglais» (esperangla) havas nun tute alian rigardon al Esperanto, same kiel, en aliaj tempoj, Inazo Nitobe, Umberto Eco, Robert Philippson...
Ĝia publikigo en ĉiuj lingvoj de la mondo estas dezirinda, kaj aparte en Esperanto, la sola lingvo sendependa de potencoj kiuj malestimas la Homon, sed respektas kaj estimas nur la Monaĉon.

Henriko Masson

dan̂gero de ekstremdekstro post la baloto en Francio. Mi havas la impreson ke al la franclingvanoj la rezulto de baloto en Francio impresis pli ol la 33% kiujn Vlaams Blok akiris en Antverpeno. La prezidanto de la Socialista Partio (socialdemokratoj) alvokis antaŭ la matena manifestacio en Antverpeno ke la tuta partio denove transiru al la maldekstra flanko. Li komprenas ke oni ne helpas la laboristaron per flatado de tiuj, kiuj eventuale povus esti la plej granda partio en Belgio, sed per sekvo de propra vojo, kiu troviĝas maldekstre de la centro. Lasu nin esperi ke li ne nur blovis frazojn en la vento, sed ke vere socialdemokratio havos maldekstran ideologion. Ni ne postsekvu aliajn, ni fosu nian propran sulkon.

Jakvo

# 1a de Majo en Berlino

Saluton al la gekamaradoj en ĉiuj aliaj lokoj ĉi tiun 1an de majo!
Ĉi-jare denove - kiel pasintjare - kvar anoj de la berlina Maldekstra Forumo faris standon sur Mariannenplatz en Berlino-Kreuzberg, kune kun multe da aliaj politikaj organizaĵoj, iniciatoj ktp. Kiel kutime, ni disdonis kelkcent flugfoliojn, vendis kelkajn librojn kaj broŝurojn. Tie, kie ni estis, ne okazis ĉi-jare konfliktoj inter la polico kaj manifestaciantoj.




Aperis cetere nova 36-paĝa broŝuro germanlingva de Roland Schnell pri la eventoj de la «sanga majo», t.e. la akraj bataloj, kiuj okazis en Berlino en la 1-a de majo 1929, kiam la polico malpermesis la majmanifestaciojn, tiel kiel ilin priskribas la originala Esperanto-romano «Metropoliteno» de Vladimir Varankin. Tiun romanon Roland intertempe tradukis en la germanan. La broŝuro enhavas eltiraĵon el la romano en Esperanto plus germana traduko, kiel ankaŭ originalajn raportojn pri la tiamaj eventoj el aliaj fontoj, biografiajn informojn pri Varankin. Tiun broŝuron oni vendis kontraŭ 1 euro.

Gary Mickle



# 1a de Majo en Bruselo

La SAT-membroj havis denove budon sur la Placo Rouppe en Bruselo. Pro la bela vetero kaj ankaŭ pro la situacio en Francio, mi supozas, multajn personojn partprenis la «feston". En la budo precipe nia k-do Claude Glady faris la plej bonan laboron helpe de Clementine Staquet. Kun plezuro mi revidis Guy Vanderputten, kiu aspektis kvazaŭ li juniĝis (mi forgesis peti la trukon). Kara Stella De Weerdt vizitis ĉiun budon, petis ĉu vi parolas nederlandan aŭ francan kaj tiam eksplikis pri la valoroj de esperanto. Ke ni havis la budon, ni dankas al amiko Van Damme kaj ni havis la helpon de kelkaj neŭtraluloj kiel de Helene Falk kaj kelkaj homoj kies nomon mi ne konas. Mi precipe devis limigi min al afabla rido al pasantoj kun la espero ke ili tiam volos viziti nian standon kaj sunumadon, ĉar la francan mi ne parolas kaj 99 % de la homoj estis franclingvaj.
Fakto estas ke ĝenerale la belgoj ege konscias pri la

# 1a de Majo en S. Paulo

## Sen mastroj kaj sen flatemuloj

La Unua de Majo estas internacia tago de rezistado per la lukto de la laboristoj. En la lastaj jaroj, la burĝa klaso, ligita al la burokratuloj de la oficialaj sindikatoj (CUT, CGT kaj Sindikata Forto) klopodas malbonigi la veran signifon de la Unua de Majo, pere de la plej diversaj manieroj kaj manipulado kiel ekzemple: spektakloj, lotumado de aŭtomobiloj kaj domoj. La amaskomunikiloj donas la tutan apogon al tiuj manifestacioj al tia falsita festo, lakea al la kapitalisma sistemo.

Ni vivas en epoko de danĝera senlaboreco, malaltigo de la salajroj, forpelo de la laboristaj rajtoj kaj detruado de la publikaj servoj. La Unua de Majo estas tago en kiu historie la laborista klaso provas montri sian ekziston per protestoj kaj klopodante unuecon por lukti por pli bonaj viv- kaj laborkondiĉoj.

La kapitalisma sistemo, kiu ebligas ke la riĉuloj estu pli kaj pli riĉaj dum la malriĉuloj estu pli kaj pli malriĉaj fortrenas Brazilon al eksploda situacio simila al tia kiu nun okazas en Argentinio, Venezuelo kaj la tuta Latin-Ameriko.

En la batalo por la postvivo, pli malbona en ĉiu nova tago, tio kio restas al la laboristoj estas senlaboreco, sublaboro kaj neoficiala laboro. Hodiaŭ estas laboristoj kiuj ne rajtas loĝejon, kiuj vivas sub pontoj kaj kiuj ne havas ion por manĝi. Kaj krome, ili devas suferi la policistan subpremon kiam ili ribelemas pro la nuna situacio.

La subpremado al la laborista klaso estas tutmonda. Ekzemplo pri tio estas Usono kiu kune kun Israelo murdadas ĉiutage la palestinan popolon, kiu provas rezisti laŭ la plej diversaj manieroj. Kontraŭstare al la sama imperiisma subpremo, la argentina popolo reagas kaj protestas tra la stratoj. Ĉijare estas balota jaro kaj nun estas la momento en kiu la subpremita plimulto devas nei al la koruptuloj kaj al la subpremantoj kiuj promesas ĉion sed fakte deziras daŭre subpremi kaj esplori la homojn por la 4 venontaj jaroj. Kiel ekzemplo de Argentinio, la esplorita popolo ne plu volas fidi je la politikistoj, kaj provas organiziĝi aŭtonome kaj sendepende en perspektivo de konstruado de nova socio sen ekspluatantoj kaj ekspluatatoj.

La solvo estas la organizado de nia lukto kaj rezistado de la laboristoj. Pro tio estas alvoko al ĉiuj gelaboristoj kaj gesenlaboristoj, gejunuloj kaj gestudantoj partopreni kaj organizi la Unuan de Majon de Lukto kaj PROTESTO.

KUN KULTURAJ EVENTOJ, SEN ALTANOJ KAJ SEN LOTUMADOJ.

Komitato por Rekta Agado.

**Tio estas la lasta numero kiun vi ricevis, se vi ne pagis vian kotizon 2002**

# 1a de Majo en Tours

## Kiel bilanci tiel gigantan tagon?

Estas ege malfacile!

Pri la manifestacio mem vi legos kaj aŭskultos aliloke.




Tamen mi persone substreku, ke la apero de naciaj flagoj dum la «internacia tago» kore afliktis min. Batali kontraŭ naciisma ideologio per naciismaj simboloj estas ege danĝere!

Baldaŭ estos la momento analizi kaj diskuti por trovi novan elanon. Analizi pri la kaŭzoj de faŝismo kaj pri niaj strategioj.

Pri la esperantista grupo, estis ĝojo retrovi esperantistojn el aliaj urboj. Pro abundeco de protestlokoj, pluraj samideanoj lastmomente petis pardonon por iri al pli proksimaj urboj. Ili pravis. Ni mem dekope kuniĝis kaj ĝoje retrovis niajn samcelanojn, la Mond-Civitanojn. Ni tiel havis la okazon paroli nian lingvon laŭ la surprizo de niaj najbaroj, ATTAC, homrajtaj grupoj, ktp. Ni arigis simpatiantojn kaj havis eblecojn starigi pli firmajn ligojn kun ili.

Ni kompreneble estis guteto en amasego (30 000 homoj supozeble). Tamen je la fino de la manifestacio multaj manifestaciantoj havis la eblecon vidi nian banderolon kaj provlegi. Pluraj petis informojn. Tiel ni akceptis simpatiantojn, al kiuj ni sendos nian gazeteton. Same ni ekkonis aliajn esperantistojn el aliaj sindikataj aŭ kontraŭfaŝismaj movadoj. Je nia surprizo, kelkaj simple venis, salutis kaj tuj foriris.... (!!!).

Estas tro frue por serioze bilanci; nia komitato baldaŭ kunvenos kaj diskutos pri tio. Viaj rimarkoj estos tiel ege bonvenaj. Ni povas ekspedi fotojn por viaj bultenoj: simple petu de ni!

Unu konkludo: la faŝismo retroiris de unu paŝo (sed ĝi jam antaŭiris dek paŝojn).

Plej amike de Gerardo



**Jacques BANNIER** (Ĵak Banje) esperante JOBO, emerita bankoficisto, naskiĝis en 1929, esperantistiĝis en 1947 per la unua postmilita "Cours rationnel" (racia kurso de SAT-Amikaro). Aktivis dum multaj jaroj en Junulgasteja movado kaj poste revenis al Esperanto. Partoprenis en multaj SAT-kongresoj. SAT-ano ekde 1947.



**Guy CAVALIER,** (Gi Kavalje), naskiĝis en 1945, esperantistiĝis en 1971 kaj aliĝis al SAT-Amikaro kaj al SAT en 1972. Aktivas kadre de Pariza Radio-Esperanto. PK-ano ekde 1982 kaj transprenis la postenon de sekretario de LEA-Komitato en 1990.



**Jakvo SCHRAM** (matr. 34781) esperantistiĝis en 1990 kaj jam en 1992 li estis vicprezidanto de la neŭtrala esperanto-klubo "La Verda Stelo" en Antverpeno (BE). Unu jaron poste li fariĝis prezidanto. Al SAT li aliĝis en 1993 danke al k-dino Stella de Weerd kiu prezentis al li nian Asocion. En la jaro 2001 li kunorganizas la simpozion "Esperanto kaj ideologio"- kiel rolis kaj rolu Esperanto politike. Dum la simpozio montriĝis kiel gravan rolon SAT ludis ekde sia kreiĝo en la E-movado. La tekstoj de la simpozio nun estas ĉe AMSAB (Instituto por Sociala Historio) en Gento. Dum la lastaj du jaroj li estas sekretario de la Ĝenerala Konsilantaro de SAT kaj sekretario de Konflikt-Komisiono. Krome li kompilas "Liberecana Ligilo"-n, la revuon de la Liberecana Frakcio de SAT. Ekster Esperantio li agadas en la Sindikato pri diamanto - en Ĝenerala Diamant-Sindikato (ADB). lia plej granda intereso estas la lukto de laboristoj kontraŭ kapitalismo kaj diktatoraj sistemoj.

# Kandidatoj por la nova Plenum-Komitato



**Kreŝimir BARKOVIĈ**, naskiĝis en 1944 en Zagrebo, Kroatio. Studoj: 3 jaroj de medicino kaj unuagrada diplomo pri kroatistiko. esperantistiĝis en 1966 kaj SAT-aniĝis en januaro 1972. Ekde tiu jaro laboras ĉe SAT kiel sekretario. Tradukis kelkajn librojn el la kroata al Esperanto. Ĉefredaktoro de Sennaciulo, ĝenerala sekretario kaj membro de la PK ekde 1982.



**Vinko MARKOV**, studento pri biologio, naskiĝis en 1982. Aliĝis al SAT en 1997 (SATano n° 35297). Sekretario de la Junulfako ekde septembro 1998.



**Thérèse SABATIER**, (Tereza Sabatje), esperantistiĝis en 1977. Dum 42 jaroj laboris kiel kontistino kaj instruistino pri kontado. Aktivis kiel sindikatistino kaj reprezentantino de la entreprena komitato. Sekve de sia E-lernado akiris pedagogian diplomon kaj gvidas kursojn kaj staĝojn en sia departementa E-asocio. En la sama asocio ŝi respondecas pri la asocia bulteno. Ekde 1995 ŝi estas kontistino de SAT.

# 1a de Majo en Thionville

La Interregiona manifestacio de la 1a de majo en Thionville estis sukcesa en nia landlima regiono proksime de Belgio, Germanio, kaj Luksemburgio.
Por la socialaj luktoj, por la libereco kaj kontraŭ la faŝismo (LE PEN...) inter 6000 kaj 10000 personoj kuniĝis. Diversaj sindikatoj partoprenis : CFDT, CFTC, CGT, FO, UNSA (Loreno); OGBL, FNCTTFEL, FLTL (Luksemburgio); DGB (Trier-okcidenta Palatino, Sarlando), de Belgio, diversaj asocioj ATTAC, AFPS, CLCV.... liceanoj, certe multajn grupojn mi forgesas. Multaj individuoj kaj familianoj partoprenis.
Delonge mi ne vidis tiel ampleksan manifestacion en Thionville ekde la socialaj luktoj en 1995 kaj luktoj de la laboristoj de la ferindustrio dum la jaroj 1977-1984.
Oni nombris 25000-30000 manifestantojn en Nancio, 500.000 en Parizo kaj 1,3 ĝis 2 milionoj en 400 manifestacioj en la tuta Francio.
Do, granda sukceso kaj mobilizado, sen personaj akcidentoj, kion ni ne vidis delonge.

B. Henry

# ... por Ĝeneralaj Konsilantoj

Por la Ĝeneralaj konsilantoj kandidatas nun kvar kamaradoj :

1. 33.064 Luiz Alberto de Oliveira Coelho, Paraiba do Sul, Brazilo
2. 33.469 Vilhelmo Lutermano, por Kubo
3. 30.060 Pelle Persson, Farsta, Svedio
4. 33.873 Yamasaki Seiko. Kokubunzi, Japanio

Aliaj ĝisnunaj Ĝ.K.-anoj rezignas pri sia posteno.

Dum la kunveno de Pariza SAT-rondo, estis definitive elektita kiel Ĝenerela Konsilanto por la sideja urbo, kamarado Vincento Charlot (matr. 34.828).

Niaj fratorganizoj, LEA-oj devas mem elekti siajn reprezentantojn en la Ĝ. Konsilantaro kaj informi la Plenum-Komitaton pri iliaj nomoj.

# RAPORTO DE LA PLENUM-KOMITATO

## por la periodo de aŭgusto 2001 ĝis majo 2002

### Plenum-Komitato

Dum la pasinta periodo la Plenum-Komitato regule kunvenis malgraŭ la skuo kiu trafis ĝin en decembro 2001 kiam grave malsaniĝis k-do Yves Peyraut, prezidanto de la P.K. Kiel sciate, malgraŭ la espero pri eventuala malrapida resaniĝo, en januaro 2002 nia kamarado forpasis. Tio tre perturbis ĉiujn komitatanojn, sed ni daŭrigis nian laboron. La rolon de prezidanto laŭleĝe transprenis la vicprezidanto, k-do Jacques Bannier, kiu plenumos tiun taskon ĝis la fino de la nuna mandato kaj la elekto de la nova P.K. fine de tiu ĉi jaro. La P.K. plenumis ĉiujn siajn taskojn el la lasta Gvidrezolucio. Kelkaj el la dosieroj estas daŭre malfermitaj, kiujn la PK atente sekvas.

**B. Waldon** : En la lasta jaro ni ne plu havis novaĵojn pri la evoluo kaj la stato de la defendo de nia kamarado. Ni daŭre esperas ke niaj klopodoj kaj tiuj de aliaj fine sukcesos.

**Arestitaj rusaj gekamaradoj** : La evoluon de tiu ĉi afero vi povis regule sekvi en Sennaciulo. La P.K. eldonis dulingvan poŝtkarton cele al ĝia amasa sendo al s-ro A. VolOŝin, estro de administracio de rusa prezidento. Pluraj el vi mendis kaj uzis ĝin. La lastajn novaĵojn vi povas legi en ĉi tiu numero de Sennaciulo.

**Seminario pri maldekstro en La Chaux-de-Fonds** : En aprilo okazis ĉe KCE en La Chaux-de-Fonds seminario pri la temo: “Kia rolo por la maldekstro en la nuna Esperantio? “ Nome de la P.K. partoprenis ĝin k-do Barkoviĉ (devis partopreni ankaŭ k-do Yves Peyraut). K-do Barkoviĉ enkondukis la temon per la historia prezento de SAT kaj ĝia rolo kadre de laborista movado kaj de la ĝenerala Esperanto-movado. Krome kontribuis kaj partoprenis en la debato pluraj aliaj personoj. Dum la liberaj horoj, k-do Barkoviĉ vizitis ĉiujn lokojn kiujn KCE proponas por la venontjara SAT-Kongreso. La loko kaj instalaĵoj estas tre taŭgaj kaj agrablaj.

### Membraro

Ni daŭre perdas membrojn ĉar pluraj el niaj malnovaj kaj fidelaj gekamaradoj mortis kaj ne alvenas sufiĉe da novaj. Montriĝas ke ni ne sufiĉe varbas kaj ne sufiĉe diskonigas nian asocion ĉe esperantistoj kiuj tute ne konas ĝin aŭ havas falsajn informojn, eĉ antaŭjuĝojn. Estas certe ke multaj esperantistoj ne kontentiĝas nur per simpla babilado en esperanto sed deziras interŝanĝi kaj trakti seriozajn temojn el ĉiutaga vivo. Tion ebligas nia Asocio. Plian kaj plian fojon ni turnas nin al la LEA-oj kaj invitas ilin klarigi al siaj membroj kia estas diferenco inter SAT kaj LEA-oj kaj kial ilia loko estas ankaŭ en SAT. Ja, ni daŭre konstatas, ke la homoj ne konas tiun diferencon kaj estante membroj de la LEA-o kredas esti SAT-anoj. Ankaŭ ĉiu SAT-ano devus doni al si kiel taskon venigi al SAT minimume unu novan membron jare. Do, ek al la varbado.

### Administrado

La konstantaj administrantoj estas daŭre la samaj. K-do Barkoviĉ zorgas pri la sekretariado, ĝenerala sekretariado kaj pri ĉiuj oficejaj laboroj. Unufoje semajne venas k-dino Sabatier kiu zorgas pri la kasaj kaj kontadaj laboroj. Gekamaradoj Bannier daŭre zorgas pri la ĉiumonata ekspedo de Sennaciulo. La forpaso de k-do Ivo forprenis de ni plian aktivulon kiu venis regule ĉiumerkrede por zorgi pri arkivoj, kaj pluraj aliaj aferoj en la sidejo.

### Kasa raporto - jaro 2001
(aperos en julia numero)

### Rilatoj kun LEA-oj

La rilatoj kun niaj laboristaj fratorganizoj estas daŭre bonaj. Tamen, ni kun bedaŭro konstatas ke pluraj LEA-oj estas en simila situacio kiel SAT, t.e. ke ili perdas la membrojn kaj ne akiras la novajn. Tiun ĉi jaron okazis fizika disiĝo inter SAT kaj la franclingvia LEA, SAT-Amikaro. Nia fratorganizo aĉetis novan, tre belan sidejon en la 13-a Pariza kvartalo kaj en marto transloĝiĝis, post plurjardeka komuna adreso kaj komuna vivo en la sama sidejo. Ni deziras al SAT-Amikaro prosperon kaj sukceson en la nova kaj bela sidejo. La nova adreso de SAT-Amikaro estas : 134 Boulevard Vincent Auriol, FR-75013 Paris. Tel: 00.33.1.44.24.50.48.

### Rilatoj kun TANEF

La tradiciaj bonaj rilatoj kun TANEF daŭras.

### Konflikt-Komisiono

Neniu konflikto okazis en la sino de SAT, krom kvereleto inter K-doj Bannier kaj Charlot, kiu solviĝis sen interveno de Konflikt-Komisiono.

Jakvo

### Ĝenerala Konsilantaro

Jen la raporto de la sekretario de Ĝ.K.-anoj, k-do jakvo Schram.

La laboro inter P.K. kaj Ĝ.K. estis bonega. Ni apenaŭ povas paroli pri malsamopinio dum la tuta jaro.

Dum SAT-Kongreso en Nagykanizsa montriĝis ke kelkaj eraroj troviĝas en la adresaro de SAT pri nomoj de konsilantoj. Kreŝo tuj respondis kaj promesis ripari en estonta adresaro la erarojn. Jakvo sendis la respondon al aliaj Ĝ.K-anoj.

Bedaŭrinde Jean Selle ne donis vivosignon, kvankam li reprezentas gravan grupon en SAT. El la Ĝ.K, venis demando anstataŭi lin per persono kun pli da intereso por la laboro de Ĝ.K. Intertempe, oni solvis la problemon kaj elektis novan reprezentanton. Montriĝas ke k-do Selle plene

donas sian laborforton al SAT-Amikaro, kiu certe por SAT havas sian valoron.
Ronaldo Schnell faris proponon pri starigo de «Socia Forumo Esperanto». Krom la reago de Renato, ĉiuj aliaj reagoj estis negativaj. Socia Forumo Esperanto estas SAT.
En oktobro HALE elektis anstataŭanton por Marteno Bustin en la Ĝ.K. Li nomiĝas Juan Antonio Cabezos Martinez.
Sekretario de Ĝ.K. jam plurfoje sendis al li retmesaĝon kaj pere de la diskutlisto Yahoo la raportojn, kiuj jam aperis en la sino de Ĝ.K., sed ĝis nun ne ricevis respondon aŭ kontribuon. Eble necesas uzi helikan poŝton?
Al propono de K-do Petro Chrdle, kiu presos nian novan PIV, kaj kiu insiste petas la eblecon presi 100 pliajn ekzemplerojn por povi vendi ilin al la ĉeĥaj esperantistoj je la prezo de 25 eŭroj. Li deziras subteni Ĉeĥan E-Asocion per la profito de tiu vendo, la Ĝ.K. negative respondis. Avantaĝoj estu por ĉiu aŭ por neniu.
En la raporto de 3a de aprilo de la P.K. ni legis pri konflikto inter k-doj Bannier kaj Charlot.
Vilhelmo kaj Jakvo esprimis sian malkontenton pri kverelo inter du membroj de SAT kaj esperis ke rapide oni trovus amikan solvon.
Jakvo sendis leteron al ambaŭ k-doj al kiu Vincento Charlot pozitive reagis kun la diro ke por li : la unueco en SAT estas plej grava. Tiamaniere li solvis problemon.
La 14an de aprilo Renato prezentis sian anstataŭanton Carlo Bourlot. Nova Ĝ.K -ano kiu reprezentas ILEA.
Komence de majo la sekretario de Ĝ.K sendis la nomojn de kandidatoj por estonta Ĝ.K. Bedaŭrinde kelkaj sindediĉaj k-doj ne plu kandidatiĝas, aliflanke nova kandidato reprezentos sidejan urbon.
Konkludo: la bona laboro de P.K. zorgis ke Ĝ.K apenaŭ havis laboron. Ĉiuj ni ege bedaŭris pri la morto de Ivo, kiu por SAT estas granda perdo.
La kandidatoj kiuj anoncis sin por la estonta Ĝ.K, havas ĉiuj interretan konekton. Tamen montriĝas ke interreta konekto ne sufiĉas por ke Ĝ.K. vigle agadu.

Jakvo

## Landaj Perantoj

Dum tiu ĉi periodo ŝanĝiĝis du landaj perantoj, bulgara kaj itala. Pro la longa silento de k-do Ganĉo Damjanov en Bulgario, ni estis devigataj serĉi novan peranton. La nova peranto estas k-do Dimitar Kalĉev el Sofio. Malgraŭ la neebla kontakto kun k-do Damjanov, ni elkore dankas al li pro longjara fidela aktiveco en tiu ĉi posteno kaj la organizado de la SAT-kongreso en Bulgario. Ni ja scias ke li estas nun en alta aĝo kaj ke la daŭra aktivado estas certe por li tro laciga, sed ni preferus ke tiu ŝanĝo okazus interkonsente kun ni. La nova peranto por Italio estas k-do Carlo Bourlot el Torino. Ankaŭ nia usona peranto esprimis deziron forlasi tiun ĉi postenon ĉar li estas tro izolita kaj ne povas kontentige aktivi.

## Sennaciulo

Ni sukcesas daŭre eldoni 16-paĝajn numerojn kun tre varia kaj diversa enhavo. La enhavo evidente dependas de la ricevita materialo. Danke al la reto, la redaktoro sukcesas trovi diversajn interesajn tekstojn sed pli kaj pli mankas viaj artikoloj rekte verkitaj por Sennaciulo. Dum tiu ĉi periodo ni aŭdis nek laŭdojn nek kritikojn. Ĉu tio signifas ke niaj membroj ne legas sian gazeton? Ankaŭ viaj opinioj pri la artikoloj nun maloftas. En la reto viglas la diversspecaj diskutoj kaj debatoj, kion vi povas konstati per la nun regulaj resumoj de k-do Schram. Tiuj ĉi resumoj havas kiel celon informi tiujn gekamaradojn kiuj ne havas retaliron, kun la eventuala espero ke la plej interesaj debatoj povus daŭri en Sennaciulo. Ankaŭ jam nun tradicia rubriko "Taga vivo", kiun prizorgas k-do Rollin, regule aperas. Nia k-do daŭre atendas viajn kontribuojn pri la proponitaj temoj.

## Sennacieca Revuo

Lastjare vi ricevis la duoblan numeron 2000/2001 de nia Sennacieca Revuo, redaktata de k-do Mikaelo Scherm. Kiel vi povis konstati, li faris tre bonan laboron kaj produktis por ni belegan kaj tre interesan revuon. Ni esperu ke ekde nun ni povos denove regule aperigi tiun ĉi prestiĝan revuon, kondiĉe ke la redaktoro ricevu sufiĉe da interesa kaj kvalita materialo, kaj ke la pagitaj kotizoj kaj abonoj permesu al ni tiun ĉi investon. Ja, tio dependas de la nombro de niaj membroj pagantaj la kotizon. Do, bonvolu nepre sendi viajn valorajn kontribuaĵojn al la adreso de k-do Scherm, Von-Thürheimstr.47, DE89264 Weissenhorn, Germanio, kaj varbi novajn membrojn kaj abonantojn.

## Eldonoj, librovendado

Malgraŭ la ĉiujaraj konstatoj kaj reklamado, niaj libroj praktike ne vendiĝas. Daŭre restas sufiĉe grava stoko de tre valoraj verkoj kiel "La Fremdulo", "Vualo de l'silento" (la laste eldonitaj titoloj) kaj de pluraj aliaj antaŭaj eldonaĵoj. Eĉ la plej bone vendata libro de SAT, PIV, ne plu vendiĝas, ĉar jam ĉiuj atendas la novan eldonon, kiu devus principe aperi dum tiu ĉi somero. Kion do fari kaj kiel vendi niajn librojn? La reklamado en Sennaciulo kaj la reto ne sufiĉas. Post la apero de la librolisto en Sennaciulo alvenis unu sola mendo. Ĉu vere ĉiuj el vi jam posedas tiujn valorajn verkojn? Ĉu vi ne povus aĉeti ekzempleron por viaj esperantistaj geamikoj en nepagipovaj landoj? Per tiu bela gesto vi feliĉigos ilin kaj samtempe helpos al SAT malpligrandigi sian stokon.
Finfine aperos la Nova PIV. Tre verŝajne la unuaj ekzempleroj aperos por la kongreso en Alicante. Dum pluraj jaroj laboregis pri ĝi la redaktoroj - k-doj Michel Duc Goninaz, Claude Roux kaj multaj aliaj. Al ĉiuj grandega danko. La libro estos presita ĉe la firmao "KAVA-PECH" apud Prago, zorge de nia k-do Petro Chrdle.

## SAT kaj la reto

Kiel vi povis legi en la maja numero de Sennaciulo, nun ni havas novaspektajn TTT-paĝojn danke al nia kamaradino Viola, k-do Gary kaj aliaj. Ni enkondukis kelkajn pliajn paĝojn (rubrikojn). Bonvolu ofte konsulti ilin, ĉar en ili aperas la plej freŝaj novaĵoj el la vivo de SAT. Bonvolu uzi novan domajnadreson de SAT: sat-esperanto.org. Nia mesaĝadreso estas daŭre :

<satesper@noos.fr>.

**Filatela servo**

Nia kamarado Ramelli daŭre akceptas viajn poŝtmarkojn por transformi ilin en iom da mono por SAT. Do, bonvolu sendi la poŝtmarkojn rekte al lia adreso (laŭeble ne tra SAT). Jen ĝi : Modeste RAMELLI, 11 impasse Moulin Neuf, FR-57160 Chatel St. Germain, Francio.

**Amikeca Reto**

Kiel vi scias, ĵus aperis nova eldono de l'Amikeca Reto 2002/2003. Tiu SAT-servo daŭre tre bone funkcias kaj altiras intereson ankaŭ de multaj ne-SAT-anoj. Ĉiujn informojn pri ĝi vi povas trovi ankaŭ en la reto ĉe la adreso: <http://www.creaweb.fr/a.reto>

**Junulfako**

Agadraporto de la Junulfako 2001-2002.
Ĉi-jare la Junulfako dormetis eĉ pli ol kutime, pro la daŭra manko de novaj kunlaborantoj kaj la temporabaj studoj de la nunaj prizorgantoj.
Ni eldonis nur unu ekzempleron de La Juna Penso, ĵus antaŭ la lastjara kongreso. Normale la situacio devus almenaŭ parte pliboniĝi venontjare, kaj la eldonado de la gazeto devus esti pli ofta. Ni pardonpetas al la legantoj kaj abonantoj pro tiu provizora silento.
Tamen, la Junulfako ne konsistas nur el kelkaj parizregionaj kamaradoj. Ni konstatas, ke pluraj aliaj kamaradoj malpli ol 35 jarojn aĝaj agadas en la asocio, sed ne kadre de la Junulfako. Kial do? Ĉu ili opinias, ke la aĝa limbaro estas hipokrite alta? Ĉu ili konsideras, ke ne valoras perdi tempon kun nematuraj petolemaj buboj kiel ni?
Ĉiu rajtas (kaj eĉ devas) havi sian propran opinion, sed por ke nia estonta agado estu pli efika, necesus ke la koncernaj kamaradoj klarigu kial ili nun ne provas revigligi nian fakon.
Kompreneble, la sugestoj de malpli junaj kamaradoj restas bonvenaj.

Vinko Markov

**Frakcioj**

Ni devas konstati kun bedaŭro ke niaj frakcioj ne estas tre aktivaj. Tre malmultaj el ili uzas siajn kolumnojn en Sennaciulo kaj ni ne estas informitaj pri ilia agado. La liberecana frakcio havas sian organon kiu aperas sufiĉe regule. Sennaciista frakcio funkcias en la reto kie okazas sufiĉe interesaj debatoj, sed bedaŭrinde ĝia uzo estas tre limigita, ĉar ne ĉiuj membroj de SAT, kiuj konsideras sin sennaciistoj, posedas la retaliron. Estus bone ke tiu ĉi frakcio ankaŭ resumu tiujn debatojn kaj aperigu la resumon en Sennaciulo. Pri la aliaj frakcioj ni havas neniajn novaĵojn.

**Kongresoj**

Dum la lastjara kongreso en Nagykanizsa, la PK estis taskigita esplori la eblecojn de la kongreso en La Chaux-de Fonds. Dum aprilo k-do Barkoviĉ vizitis la lokojn kaj konstatis ke ili tute taŭgas. Do la venonta kongreso okazos en julio 2003 en La Chaux-de-Fonds. Jam estas kreita la OKK kaj komenciĝis la preparlaboroj. Iu membro de la OKK prezentos la kongresurbon dum la kongreso en Alicante. La kongreso en 2004 devus okazi en Germanio.

**Konkludo**

Jen la konciza jarraporto de la Plenum-Komitato. Bonvolu atente legi ĝin kaj fari notojn por povi reagi dum la laborkunsidoj, ĉar oni ne plu legas ĝin dum la kongreso. Kiel kutime ni traktos paragrafon post paragrafo kaj fine vi devos voĉdoni pri ĝi kaj laŭeble aprobi ĝin.

La Plenum-Komitato de SAT

---

*La Asocio "MONDCIVITANOJ", 15 rue Victor-Duruy, FR-75015 Paris, eldonis franclingvan poŝtkarton sub la temo :"Tero estas vilaĝo" kun jena teksto:*

Via Kristo estas Judo. Via aŭto estas japana, via pico estas itala kaj via kuskuso alĝeria. Via demokratio estas greka. Via kafo estas brazila, via brakhorloĝo svisa, via ĉemizo estas hindia, la radio korea, viaj ferioj estas turkaj, tuniziaj aŭ marokaj. Viaj ciferoj estas arabaj, viaj literoj estas latinaj.

**Kaj....vi riproĉas al via najbaro ke li estas eksterlanda!**

## NOVAĴOJ PRI «FELIĈULOJ»

Ĉar multaj el vi demandas pri la stato de la proceso(j), jen la lastaj novaĵoj.

En la proceso de la knabinoj (Irina Derguzova kaj Tatjana Lomakina) devis komenciĝi la "diskuto de la flankoj", sed subite ekmalsanis samtempe tri ĵurianoj, kaj la juĝistino prokrastigis la proceson eĉ ĝis la 29.05.02. Tial ĝis la fino de majo la proceso nepre ne finiĝos.

En la proceso de "nerespondeculoj pri si" (Jurij Davydov kaj Jevgenij Privalov) la diskutado de la flankoj devas komenciĝi tre baldaŭ (enketado de la atestantoj finiĝis). Do, tiu proceso povas, principe, finiĝi sekvontsemajne, sed neniu povas antaŭvidi, kio okazos.

Nikolao Gudskov



Redaktas Gerardo Rollin;
88, str. Viktor Hugo
FR-37 400-AMBOISE
<a.reto@france-association.com>
Kompilo en TTT:
http://www.creaweb.fr/a.reto
Rubriko : « Forumoj »

# Solidareco, jes - sed- -

- Estintaj tempoj multe pli favoris al solidareco ol nun, diris al mi maljuna viro. Ni staris en vico en la lokalo, kie senlaboruloj devas prezenti sin du fojojn monate. Kvankam mi ne emis paroli, mi tamen respondis pri solidareco al la parolanto.

- Ĉu?

- Estintaj tempoj ĝenerale estis multe pli bonaj, li daŭrigis. Ni ne havis la makakojn ĉi tie, la brunajn simiojn, kiuj ĉiam pretas forŝteli niajn posedaĵojn.

- Strange, mi respondis, de mi ili neniam forŝtelis ion.

- Ankaŭ ne de mi, diris la maljunulo, sed mi aŭdis jam tro da rakontoj.

La spiro de mia antagonisto terure odoris,



*Idoj en la gettoo de Lodzo (Pollando), 1943.La stelo ne estis verda nek la futuro...*

kaj el la koloro de liaj dentoj mi vidis ke mankas al li dentobroso, aŭ li ne uzas ĝin, kio ankaŭ eblas. Mi retropaŝis, kaj pro tio iom pli laŭte devis paroli, kiam mi diris: «Strange vi parolas pri solidareco, kaj nun sen sperti faktojn vi kondamnas plenan homgrupon. Ĉu vi ne scias, ke la plej multo de la enmigrintoj estas simplaj laboristoj kiel ni'? Maljunulo ŝafe gapis al mi kaj respondis :

- O, jen rigardu marokanan adoranton! Tuj eble dekkvin personoj rigardis kvazaŭ mi estus la Ĝibulo de Notre Dame. Juna blonda bluokula viro, kun staturo de giganto, venis al mi. Li preskaŭ puŝis sian nazon en mian okulon, kiam li diris:

- Atentu, venontan baloton ni superos ĉiujn partiojn, kaj tiam vi povos kun viaj marokanaj amikoj reiri al la dezerto!

- Fendu al li la kapon! aldonis alia knabo, samstatura sed feliĉe kun nigraj haroj kaj brunaj okuloj. Urĝe mi bezonas necesejon, mi konstatis, preparante respondon, kiu savos mian vizaĝon kaj kiu ankaŭ montros ke rasismo ne estas normala homa kondutmaniero.

Fulmrapide mi rigardis en la salonon, kaj konstatis, ke malgraŭ la propagando de Vlaams Blok, la ekstremdekstra partio en Flandrio, kiu asertas ke enmigrantoj nur profitas de senlaborula mono, neniu enmigranto estis tie ĉi. Mi konstatis, ke mi staris izolita en grupo de rasistoj. Ŝajnas al mi, ke ne estis la momento por diri, ke fakte mi ne konas multajn Marokanojn, kiuj ĝenerale loĝas en alia parto de Antverpeno, sed ke mi havas plurajn turkajn kaj judajn amikojn.

- Li fekas en la pantalonon, diris Bluokul'. Tondra ridego vibrigis la fenestrojn de la lokalo. Nu, por esti honesta, mi jam havis pli agrablajn momentojn dum mia vivo. Mia griza ĉelaro baraktis, laboris kaj penis trovi la plej taŭgan frazon, kiu ne nur silentigus la ŝafaron ĉirkaŭ mi, sed ankaŭ estus la absoluta mortbata frazo por montri ilian stultecon. La nura rezulto estis malvarma venteto, kiu trablovis de mia dekstra orelo al maldekstra. Neniu spritaĵo, neniu elokventa frazo prezentis sin por helpi min en la izoleco.

Okulfrapis al mi la solidareco de la rasisma brutaro, kiu daŭre malpligrandigis la cirklon.

Mi povus savi min dirante ion favoran al Vlaams Blok. Mi pensis al la francaj maldekstruloj kiuj por eviti ke Nacia Fronto prenu potencon, decidis voĉdoni por Chirac, la novliberalulo, kiu povis elekti inter esti prezidento de la respubliko aŭ direktiĝi al prizono. En mesaĝo al Francaj amikoj, mi diris ke mi prefere forhakus la dekstran manon ol voĉdonus por Chirac.

## Mia griza ĉelaro baraktis

Nun mi devus bone pripensi aŭ mi donos mian vivon. Diri ke mi havas marokan najbaron kaj ke li estas afabla viro, ĉu tio estas bona ideo? Certe tio helpus, ĉar ĉiuj ekstremdekstruloj diras tion, por montri ke ili ja voĉdonas Vlaams Blok, sed fakte ne estas rasistoj. Ĝis nun neniu puŝis min kaj mi sciis ke tio estos la situacio kiun mi nepre evitu. Unu puŝo signifas baton ĝis foriro al hospitalo.

La viro kun la fetoranta buŝo kriis en mian orelon en la plej plebana antverpena dialekto:' «Eble vi mem estas fremdulo?» Jen la solvo, dankon Mefisto por la helpo. Iom balbute mi diris, ke mi estas Nederlandano. Kia ridego sekvis mi ne plu povas priskribi. La plebanoj hurlis kiel lupoj. "Holandano, li estas Holandano" kriis fiodora buŝo. "Li ne estas nur marokana adoranto, sed ankaŭ Holandano. Rigardu lin, malsaĝa kiel ŝtipo li estas. Venu, ni ne perdu tempon kun tiu idioto".

La cirklo malfermiĝis kaj mi denove povis iom pli trankvile spiri.

Venu nun, ordonis la virino de la senlaborkaso. Unu post alia ni ricevis signon en la libro de la ŝtato, ke ni prezentis nin ĉe ofico de la senlabora kaso. La tasko de la senlaborulo estis plenumita.

Rapide mi saltis sur biciklon. Kompano el Francio petis de mi verki tekston pri solidareco. Malfacila tasko nuntempe kun la tro multaj fortaj ekstremdekstraj partioj dise en Eŭropo.

La robota pedalado sur biciklo, jam plurfoje donis al mi inspiron, kial ne hodiaŭ? Solidareco li diris aŭ izoleco. Diable du fojoj peti helpon de Mefisto en unu tago, ĝis nun mi neniam faris. Nu, ni vidu.

Jakvo

# NE EN NIA NOMO

Estas la titolo de teksto verkita de dudeko de Francaj judoj, kiuj malsolidariĝas kun la agoj de la israela registarestro Sharon en Palestino, t.e. en Ĉi-Jordanio kaj en Gaza. La oficiala pravigo estas la lukto kontraŭ la teroristoj. Fakte delonge en Israelo okazas multaj atencoj kontraŭ senkulpaj civiluloj : vojaĝantoj en busoj, virinoj aĉetantaj sur placoj, homoj en amika rondo, ktp.

Estas tute normale ke la Israelanoj postulu de la registaro defendon kontraŭ tiuj abomenaĵoj. Efektive ĝi agis, sed ĉu tiu ago estis konvena? Oni ne sin defendas efike kontraŭ vespoj, ĵetante ŝtonegojn. Israela armeo invadis Palestinon, atakante per militaj armiloj, aviadiloj, detruante grandan parton de domoj en urboj Ramalah kaj Jenine, evidente mortigante civilulojn. La palestina reganto estis izolita, kvazaŭ enkarcerigita, sen lumo, sen akvo. En tiuj kondiĉoj, ĉu estis saĝe postuli de li iun ajn agon? Ĉiamaniere, la registaraj kaj policaj instalaĵoj estis detruitaj.

Kio rezultas de la atakoj? Certe parto de la teroristoj estis ĉu mortigitaj ĉu kaptitaj, sed ĉu la celo estas aŭ estos atingita? Oni povas multe dubi pri tio. Morto de viktimoj kaj humiligo de reganto riskas plifortigi la malamon kaj venĝemon. Povas esti ke estis fabrikataj novaj teroristoj. Ni rimarku ke multaj el ili estas kamikazoj. Ili sin mem mortigas, mortigante. Por tion fari ne necesas multe da rimedoj nek tre strukturata organizo. Estas milito de malriĉuloj. Kompreneble mortigi senkulpajn civilulojn estas speciale kondamninda, sed ni scias ke en ĉiu milito oni mortigas preskaŭ nur senkulpulojn. La nuna situacio ŝajnas senelira. Dum 11 jaroj okazis multaj traktadoj inter Palestinanoj kaj Israelanoj sen rezulto, kun reciproka akuzo pri la fiasko.

En julio 2000 kaj januaro 2001 la renkontiĝoj de «Camp David kaj Taba» alportis esperon pri solvo, t.e. kreado de 2 apartaj ŝtatoj. La traktado okazis inter la palestinana estro Arafat kaj la israelia ĉefministro Barak (laborpartio). Tiuj renkontiĝoj ankaŭ fiaskis. Arafat ŝajnis tro malcedema kaj Barak sentis ke li baldaŭ perdos la plimulton en la israela registaro. En februaro 2001, jen la povo al ekstremisto Sharon! Oni ne pro tio «ŝaronigu» Israelon kaj la Judojn. Kio okazas? Jen estas la regno de la forto, sub plej kruda formo. Se ekzistas arabaj ekstremistoj kiuj volas la malaperigon de Israelo, ekzistas ankaŭ judaj ekstremistoj kiuj celas krei la Grandan Israelon de la Mediteraneo ĝis la rivero Jordano. La iom-post-ioma instalado de kolonioj en Ĉi-Jordanio kaj Gaza ŝajnas prepari tion. Ĉiu el tiuj du ekstremismoj malrespektas la rajtojn de la popoloj kaj estas egale kondamnindaj.

La ekzisto de tiuj kolonioj povas esti la ĉefa kaŭzo de tiuj kamikazaj atencoj. Tie eksteruloj instaliĝis sur tero kiun Araboj konsideras sia, ĉar ili tie naskiĝis, same iliaj gepatroj. Tie aplikiĝas nur Israelaj leĝoj. La cirkulado inter tiuj kolonioj kaj Israelo estas kontrolata de Israelanoj. Tio kreas ĉe Araboj senton de humiliĝo, de subiĝo, kiel se ili estus duarangaj civitanoj. Tio kompreneble ne senkulpigas tiujn blindajn mortigojn.

Ĉu ne ekzistas solvo al la nuna putra situacio? Ĉu la atencoj kontraŭ civiluloj, kaj la subigo de la palestina popolo estos senfinaj? Ni devas malfeliĉe konstati ke nun tro da malamo akumuliĝis inter la du popoloj por ke ili restu kiel nun interplektitaj. La divido en du landojn, kie la homoj havus ekzakte la samajn rajtojn, povus esti la solvo. Tio supozigas la malaperon de tiuj kolonioj. Ke estu plej simpla landlimo, universale akceptata, kaj kontrolebla ambaŭflanke. Eble necesus ia speco de fera kurteno, kiun povas trapasi nek teroristoj, nek armeo. Por reguligi tion verŝajne estus necesa internacia reguligo. Ne temas favorigi naciismon, sed disponigi al ĉiu popolo spacon por organiziĝi cele al sekura kaj libera vivo. Tio estus almenaŭ provizora solvo, ĉar ni ne devas perdi esperon pri estonta reakordiĝo de ĉiudevenaj homoj. *M. Hardy*

## El la SAT-sidejo

67 avenue Gambetta
FR-75020 Paris
Tel: +33.1.47.97.87.05
Fax:+33.1.47.97.71.90
Rete: satesper@noos.fr

**FONDUSO PIV**

Anonime 153,00 eŭroj; A. Chiaruttini 15,10 eŭroj;

**HELPO AL LA ASOCIO**

**En Francio (€)** anonime 200,00; R. Pontnau 20,00; J. Colom 27,00;
**En Svedio (SEK)** ge-Jonasson 30,00;
**En Italio (€)** A. Chiaruttini memore al Yves Peyraut 10,00;

**NOVALIĜOJ**

35.548 Bonomi Paolo, Via Butturini 8, It-37126 Verona - VR, Italio
35.549 Zvirac Fetah, Esada Paŝaliĉa 9, BA-71000 Sara jevo, Bosnio-Hercegovino.
35.550 Kalajdziĉ Safet, Kamenica 17 a, BA-71000 Sara jevo, Bosnio-Hercegovino.
35.551 *Bon Liliane, 23 rue Robert Dupont, FR-92600 Asnières, Francio
35.552 *Korinth Ann-Sofie, Sandhamnsgatan 10, 5tr, SE-115 40 Stockholm, Svedio
35.553 Maynar Carlos, Järingegränd 21, SE-163 63 Spanga, Svedio

**NEKROLOGO**

En Beogrado (YU) mortis la 22.01.2002, nia malnova kaj fidela membro, kamarado

**Petar MILANOVIĈ**

**(matr. 29.414)**

Ni kondolencas al la edzino Milica kaj aliaj familianoj.

SAT havas novan domajnadreson:
**sat-esperanto.org**

# El la ret@ SAT-diskutejo

Aprilo, 2002. En la SAT-diskuto kvantas la 28an de la monato, 170 mesaĝoj, do denove granda aktiveco sur interreto. Kulpas pri tio Israelio, la malamikeco inter du grupoj, kiuj por mi okcident-eŭropano havas la saman aspekton. La vestaĵo malsamas, almenaŭ de la «proletoj» ĉar la riĉuloj kaj gravuloj vestiĝas kravate, por ke ni ne povu mezuri la kvanton da friponaĵoj pri kiu ili eventuale kulpas. Por mi la tuta interna milito estas Kain kaj Abel, murdo inter fratoj, sed ne mian opinion mi nun donas: rilatas pri SAT-diskutejo.

La unuan tagon de aprilo daŭris la diskuto pri Sennaciulo sur interreto. Aperis sekva mesaĝo de Vincento :

Alvoko de sieĝataj internacianoj kaj Palestinanoj el Ramalaho

Ramalaho, la 1-an de aprilo 2002: « Ni, sieĝatoj el Ramalaho, alvokas ĉiujn bonkonscienculojn, ĉefe sine de israela popolo nome de kiu atakoj realiĝas, tuj mobiliziĝi por vivteni pacopcion, postuli tujan finon de sieĝo kaj okupado».

Tiu alvoko, lanĉita de Palestinanoj kaj internaciaj aktivuloj - Usonaj, Britaj, Kanadaj, Francaj, Belgaj,...- sieĝataj en Ramalaho, ankaŭ asertas: « Ni alvokas certigi ĉies sekurecon en la urbo. Ni alvokas al movlibereco ene kaj ekstere de la urbo. Ni alvokas al nutro-, kuracil-, akvo-, elektro- kaj telefon-provizado.

Ni alvokas permesi aliron de internaciaj humanaj organizoj, ĉefe IKRK (Internacia Komitato de Ruĝa Kruco), por certigi al arestitoj, malliberuloj kaj ostaĝoj, inkluzive de Prezidento Arafat, ilian sekurecon».

Malsaman opinion havas Nikolao Griŝin :

Arafat estas ĉefa organizanto de teroro. Liaj brakoj ĝis ŝultroj estas kovritaj per sango de senkulpaj homoj, inkluzive infanoj. Li estas vera diablo, trompanta la tutan mondon. Lin necesas juĝi kaj pendigi kune kun ĉiuj liaj «kamaradoj». Kaj liaj «advokatoj», diversaj «maldekstruloj» kaj «pacifistoj», kiuj protestas kontraŭ neevitebla kaj justa operacio de israela armeo en Rammalah, estas simple STULTULOJ. Eble, ili iĝus pli saĝaj, se iliaj propraj infanoj vundiĝus en kafejoj, diskotekoj, lernejoj...

Mi eĉ ne volas disputi pri tiu klara demando. Stultuloj povas resti kun sia opinio.

Eble estus bone se s-ro Griŝin aliĝus al SAT. Li certe lernus ke kompari ideojn estas io alia ol kion li faras.

Ne eblas aperigi ĉiujn tekstojn kiuj aperis pri la temo Israelio/ Palestinio. Mi esperas ke la leganto komprenas tion kaj scias ke denove mi faris arbitran decidon pri teksto kiu jes aŭ ne aperas. Mi ege bedaŭras ke mi devas fari elekton. Aliflanke mi ĝojas ke la diskuto estas tiel vigla.

Nia k-do Djemil Kessous tradukis: ALVOKO KAJ ATESTO DE RAMALLAH. Temas pri longega teksto pri suferantoj de la interna milito en Israelio. Bedaŭrinde ne eblas aperigi la tutan tekston, tamen kelkajn frapajn frazojn mi aperigas:

- Mi estas izolita hejme de vendredo matene, samkiel dekmiloj da loĝantoj de Ramallah kaj El-Bireh, sen ebleco ke tio baldaŭ finiĝos. Ni ne havis elektron dum unu tago, sed dank'al Dio, la hodiaŭan dimanĉon, la elektro refunkciis. La israela armeo eniris hieraŭ en vilaĝon Kobar kie loĝas unu el niaj dungitoj de l'centro Sakakini. Ĝi detruis liajn posedaĵojn kaj enkarcerigis lian plej junan fraton kun 30 junuloj de l'vilaĝo.—

- La patro de mia tuja najbarino estas 70-jaraĝa kaj loĝas apud la oficejo de Arafat. La israelanoj entrudiĝis en lian hejmon vendrede kaj ĉion rompis per pafilkapo (televidilon, meblaron, lavkuvon, ktp). Oni ankaŭ diras ke israelaj soldatoj eniris bankojn, monŝanĝajn oficejojn kaj juvelvendejojn kaj ŝtelis monon kaj juvelojn.—

- Jen leteron de Rana al la tutmondo : tiumomente mia patro estas for. Kiam mi rimarkis la unuan fojon, ke mia fratino kaj mia patrino ploris antaŭ la televidilo kie oni vidis israelajn soldatojn, kiuj mortigis la virojn de ili arestitaj, mi kredis ke mia paĉjo estis unu el ili. Mi komencis plori kaj plori kaj post unu minuto mi min demandis kial mi ploras. Tio estas nia destino. Mia patro estas policisto kaj ni devas rezisti.—

- Mi nomiĝas Ala' Jibrin, mi estas 12-jaraĝa : mi loĝas en Ramallah en unuĉambra domo. Ne estas necesejo, do ni uzas la eksteran necesejon de niaj najbaroj, 30 metrojn for de nia hejmo. La israelaj soldatoj malhelpas nin tien iri aŭ iri al la kuirejo, kiu ankaŭ estas ekstere de nia domo. Ni eĉ ne povas kuiri la pladojn. Ni estas ok gefratoj en tiu malfacila situacio. Ni komprenas nenion pri tio kaj ni ne scias kion fari. Se ni eliros, ili eble pafos nin. Plie, la soldatoj ĵetas siajn rubojn, fekas kaj pisas antaŭ nia enirpordo. La elektro estas malŝaltita de hieraŭ. Ni nervoziĝas kaj tio estas psike malfacila situacio. Ni petas de Dio kaj de ĉiu homo sur tiu tero, kiu havas homan senton, ke ili sin intermetu kaj finu tiun premsonĝon, kiun spertas la palestinaj infanoj.

Jes premsonĝo estas la ĝusta vorto por priskribi la okazaĵojn en Israelio. Aperigo de tekstoj ne signifas ke SAT kaj ĝiaj membroj devas sekvi, postkuri aŭ aprobi la tekstojn, sed ili aperas nur laŭ la statuta ideo, interŝanĝi ideojn cele al klerigado. Plej verŝajne kiam vi legos ĉi tiun Sennaciulon, la esploro pri kio okazis en kelkaj urboj jam okazos kaj ni havos «sendependan opinion» de asocioj kiel Amnestio Internacia. La kruelaĵoj de ambaŭ flankoj kiel eble plej rapide finiĝu.

Viola prilaboris novan TTT-paĝon por SAT. Regule ŝi petas opinion de la membroj kaj iliajn konsilojn. Reage al Viola, kiu volas ke informoj pri SAT aperu en kiel eble plej multaj lingvoj, Tonyo skribis:

Mi konsentas kun Viola. Estus bone ke ni prezentu nian asocion en pluraj lingvoj. Ne sufiĉas ke ni havu TTT-ejon por niaj propraj anoj, nek ke ni turnu nin al la ceteraj esperantistaj. Kvankam la celo de SAT ne estas ĉefe varbi por Esperanto, estas interese ke progresemaj homoj, ne scipovantaj nian lingvon, konu la ekziston de progresema E-organizo.

Eble nur sufiĉus nun ke ni tra-

duku la paĝon pri SAT, kun sciigoj pri ĝia historio kaj nuna agado.
Fakte la nacilingvaj paĝoj (almenaŭ la hispanlingva) nur informas pri la landa asocio. Necesas informoj pli ĝeneralaj.

Mi pretas traduki la tekston al la hispana (mi jam helpis pri la hispanlingva paĝo de UEA), se vi sendas al mi tekston, kaj sugestas serĉi volontulojn por la ceteraj lingvoj.

Jakvo plendis pri la regreso, la malapero de membroj, ne nur en esperantio kaj skribis: «Ne estas nur Esperanto, kiu suferas regreson, sed ankaŭ la famkonataj asocioj kiel Amnestio Internacio kaj Green Peace kaj aliaj. Ŝajnas ke homoj ne plu volas doni monon por iu «idealo» kaj preferas ŝtelrigarde iom informiĝi en la virtuala mondo, kiun multaj asocioj subtenas serve al interesatoj.»

Jakvo, respondis Johano, la granda novaĵo estas la movadoj por rektaj agoj kiuj progresas rapide en la tuta mondo. La homoj ne plu emas pagi la «Neregistarajn Organi-zojn (NRO, kiaj Amnestio, Greenpeace, ATTAC kaj similaj, kiuj nur volas la «plibonigon» aŭ «mildigon» de kapitalismo! Se SAT volas prosperi ĝi devas rezigni esti NRO kaj havi profilon de «Movado por Rekta Ago».

Kiu inter vi havas intereson pri alvoko de Rob Blow: legi informojn pri la Internacia Sindikato de Seks-laboristoj? Se oni volus kontakti ilin esperantlingve, oni povas skribi rekte al mi (kaj mi tradukos la mesaĝon). Aŭ oni povas legi la anglalingvan TTT-paĝon IUSW - home page aŭ sendi anglan retmesaĝon al <info@iusw.org>. IUSW-ISSL Internacia Sindikato de Seks-laboristoj.
Ni postulas:

* ne kriminaligon de ĉiuj aspektoj de sekslaboro inter konsentantaj geplenaĝuloj,

* rajton formi kaj aliĝi profesiajn asociojn aŭ sindikatojn,

* rajton labori laŭ bazo, same kiel aliaj sendependaj provizistoj kaj dungantoj, kaj ricevi gajnon, same kiel aliaj memdungitaj aŭ kontrakt-laboristoj,

* ne impostadon sen tiaj rajtoj kaj reprezentado,

* nepre ne toleri devigon, perforton, seksmisuzon, infanlaboron, seksatencon, kaj rasismon,

* leĝsubtenon por sekslaboristoj, kiuj volas procesi kontraŭ tiuj, kiuj ekspluatas ilin,

* rajton vojaĝi trans naciaj landlimoj, kaj akiri labor-permesilojn ie ajn kie oni loĝas,

* purajn kaj sendanĝerajn laborejojn,

* rajton elekti, ĉu ni laboru sole, ĉu kooperative, aŭ ĉu kun aliaj sekslaboristoj,

* la absolutan rajton diri 'ne',

* aliron al edukado - nia fako bezonas tre specialajn lertojn kaj profesiajn gradojn,

* aliron al sanklinikoj, kie ni ne sentas hontosignon,

* reedukajn programojn por sekslaboristoj, kiuj volas forlasi la industrion,

* finon de sociaj sintenoj, kiuj hontosignas tiujn, kiuj estas aŭ estis sekslaboristoj.

Reagis Manfred: Karaj, la ruĝ-verda germana registaro antaŭ nelonge faris leĝon, kiu enhavas plej multajn el la postuloj de la seks-laboristoj. Mi supozas, ke ilia internacia sindikato scias tion. Mi ne scias pri ilia sindikato en Germanio. Verŝajne ili apartenas/os al la granda sindikato pri publikaj servoj. Mi serĉos pli detalajn informojn.

Kunlaboro kun informlisto de SAT-Amikaro ankaŭ okazas kaj tiel aperis : En suda Koreio, por siaj infanoj malpli ol 5-jaraj, gepatroj pli kaj pli ofte elspezas multe da mono por operacio kiu konsistas el entranĉo de la freno de la lango pro tio ke, laŭdire, ili pli bone parolos la anglan. Ne malofte okazas, ke 6-monataj infanoj estas lokitaj antaŭ televidaparato dum horoj por rigardi videokasedojn por instruado de la angla. Tio fariĝas obsedo kaj sekve ankaŭ granda negoco. Laŭ la gazeto «Dong-A» : «El la infanaĝo la angla estas faranta inferon». Laŭ Jonathan Hills, kiu instruas la anglan ĉe la nacia televida kanalo : «Lerni la anglan fariĝis la nacia religio»...

Oni efektive povus pensi pri tio. En aliaj regionoj de la mondo, por iu dio, oni tranĉas la prepucion, aliloke por la sama dio alimaniere nomata, oni forigas la klitoron, kaj nun, ĉarlatanoj entranĉas la langon de infanoj por ke ili fariĝu obeemaj al la Dio Dolaro. Ĉu ne ekzistas operacio aŭ kuracilo por forigi la mensan debiligadon ?...

Informo venis de Henri :

Ekde la 22a de aprilo, la diskutoj iris de Israelio al Francio, kie Le Pen, ekstremdesktrulo, forigis la socialiston Jospin el la dua balotrondo. 28% de la francoj ne voĉdonis, 19% voĉdonis por la nuna prezidento, la dekstrulo Chirac, kaj 17% voĉdonis ekstremdesktre por Le Pen. Eble la francoj povas trovi iun trukon «savi la meblojn» dum la dua rondo en majo, sed pri tio ni raportos en sekva informo.

La konflikton inter Israelio kaj Palestinio ni certe konsideru la plej granda nuntempe aŭ ĉu la okazaĵo en Francio estas la teruraĵo de la momento?

Evidente ni neniam povas malgravigi la grandegajn problemojn kiuj suferegas homojn en regionoj kun malsato kaj diktatoraj subpremoj. Ni eble konsideras la konflikton en Israelio grava pro sia aktualeco. Intertempe mortas ĉiun minuton, pluraj infanoj pro malsato. Ĉi tio okazadas jam jarojn kaj jarojn kaj bedaŭrinde jam delonge perdis sian aktualecon kaj pro tio ankaŭ sian apogon. Ĉu honti pro tio sufiĉas?

*Amike Jakvo*

Ni estas preparantaj la venontan Adresaron. Bonvolu sendi al ni viajn ekzaktajn adresojn aŭ signali eventualajn erarojn en la Adresaro 2001-2002




# ALICANTE

## El la laborista historio de nia kongresurbo

Fine de 1912, la laborista asocio «La Espero» subtenis firman strikon kontraŭ la dunganto Laporta en urbo Bañeres (provinco Alicante). Ĝi daŭris preskaŭ ĝis la jaro 1914 kaj tiam kontribuis al la laborista organizado en la regiono.

Tio tre interesis la tiaman «Grupigo Socialista», kiu tial alvokis al bojkotado de liaj produktoj.

La provoj konstrui alternativan kooperativon «Produktan Unua de Majo» subtene al la laboristoj, malsukcesis.

La bildo reprezentas flugfolion alvoke al bojkotado:

«LABORISTOJ :
Ne aĉetu cigaredpaperon de sinjoro Josefo Laporta
Laboristoj
Fumu paperon «UNUA DE MAJO»
unika rimedo por ke la strikantoj de Bañeras ne malsukcesu!»

TRABAJADORES:
NO COMPREIS PAPEL DE FUMAR DE D. JOSÉ LAPORTA
LO FABRICAN ESQUIROLS

¡¡¡Trabajadores!!! Fumad papel
**1.° de Mayo**
único medio para que los huelguistas de Bañeras no fracasen.




*Manifestacio komence de la 20-a jarcento en Alicante kun postulo de «Pano kaj Laboro*



*Lernejo de la Laborista Centro de Monovar (provinco de Monovar)*



*Unua de Majo 1920 en Monovar (provinco de Alicante)*



GENERACION CONSCIENTE

SUMARIO:

Presentación. *El Grupo editor*.—Necesidad de la procreación consciente y limitada, *doctor Luis Fiza Nuñez*.—Confidencias sexuales, *Gil de la Ilia*.—Familia numerosa, *Silverio* (practicante).—Palabras de Sócrates.—La bestia humana (dibujo).—El cuerpo humano, *doctor J. García*.—Del amor libre, *Casquirano*.—La receta, *Felipe Trigo*.—La educación y la higiene, *E. Q.*—Las enfermedades venéreas. (Necesidad de divulgar los medios higiénicos preventivos.—Cómo se contraen.—Cómo se evitan.—Cómo se curan), *P. V.*

PRIMERA COLECCION — NUM. 1 — 40 CTS.

GENERACION CONSCIENTE
PUBLICACION MENSUAL — REVISTA ECLECTICA
Redacción y Administración: Nueva, 4 — ALCOY

| Año I | Junio de 1923 | Núm. 1 |
|---|---|---|

PRESENTACION

LECTOR:

El Grupo Editor

*Eltiraĵo de la monata revuo «Konscia Generado» en la jaro 1923.*
*Ĝi tiam estis eldonita en la urbo Alcoy (prononcu Alkoj), kerno de la laboristaj bataloj en la provinco de Alicante.*



# 75-a KONGRESO DE S.A.T. ALICANTE (ES) 1-7.07.2002

Organiza Kongresa Komitato :
**Prezidanto**: Martin Bustin Benito, Apt° de Correos 4143, ES-03080 Alicante.
Tel. kaj Fakso: 00.34.965184596
Rete: <marteno@ctv.es>
Bankkonto: Martin Bustin Benito,
BBVA 0182-0102-16-0203052953.
**Sekretariino** : Liya Maziy (sama adreso)

Kotiztabelo en €

| Kategorio | Lastminute |
|---|---|
| SAT-membro | 76,92 € |
| SAT-geedzoj | 123,08 € |
| SAT-gejunuloj (15-25j) | 38,46 € |
| Gasto | 92,31 € |
| Gastoj-geedzoj | 146,15 € |
| Gastoj-gejunuloj (15-25j) | 50,77 € |

Infanoj (ĝis 15 j) ne pagas kotizon.

- ❑ La supre menciitaj kotizoj (kategorio A) validas por la partoprenantoj el la landoj de Eŭropo ne sube menciitaj kaj el Aŭstralio, Israelio, Japanio, Kanado, Usono, Korea Respubliko, Sudafriko.
- ❑ La partoprenantoj el CZ, HU, PL, SK, SI (kategorio B) ĝuas 40% rabaton.
- ❑ La partoprenantoj el AL, BG, RO, eksa SU, eksa YU krom SI kaj ĉiuj afrikaj, amerikaj kaj aziaj landoj krom supre menciitaj (kategorio C) ĝuas 60% rabaton.

## 3a Listo de aliĝintoj (1.4.2002-9.05.2002)

113. LEROY Dominique (FR); 114. GARCIA Trinitat (ES); 115. COLOM Josep (ES); 116. ŜIŜAK Ŝtefan (RO); 117. ŜIŜAK Edith (RO); 118. ŜIŜAK Tamaŝ (RO); 119. DRAGOMIR Laurentiu Doru (RO); 120. DRAGOMIR Cornelia (RO); 121. DRAGOMIR Razvan (RO); 122. TEGHIU Vergil (RO); 123. TEGHIU Eniko (RO);124. BODOR Eniko (RO); 125. BOGDAN Anda Maria (RO); 126. GUIGUES Antoinette (FR); 127. LETZGUS Geneviève (FR); 128. STAQUET Clémentine (BE); 129. EDREVA Mimi (BG); 130. VALKOVA Pavlinka (BG); 131. THEOBALD Hermann (SE); 132. BANET-FORNALOWA Zofia (PL); 133. FORNAL Jerzy (PL); 134. SABATIER Regis (FR); 135. SABATIER Thérèse (FR); KOSOBUDZKA Maria (PL);



## *Víaj reagoj....*

### Jakvo, ĉesu misuzi min !

Mi tradukis verkojn de anarkiistaj verkistoj, ĉar mi opinias, ke iliaj ideoj estas sufiĉe interesaj, por ke mi ilin diskonigu. Sed mi bedaŭras, ke anarkiismo allogas homojn, kiuj ne estas sufiĉe maturaj por kompreni, ke la vivo en socio postulas regulojn.

Mi estas tradukonta verkon pri Proudhon, kiun Yves Peyraut sendis al mi antaŭ sia forpaso. Laŭ tiu verko, Proudhon estis sufiĉe inteligenta por kompreni, ke socio bezonas juron. Mi demandas min, kara kamarado Schram, ĉu vi cerbumis dum pli ol 2 minutoj, antaŭ kiam vi skribis en "Laŭte !", ke oni devas nenion malpermesi al plenkreskuloj.

Mi iam estis seksperfortita de du turkoj, el kiuj almenaŭ unu ne sciis, ke en Francio viro ne rajtas seksumi kun virino sen ŝia konsento. La kristanoj diras al mi, ke Dio pro amo respektas la liberon de la krimuloj. Tiu sinteno kontribuis al mia decido eksiĝi el la kristanaro. Se ankaŭ la anarkiistoj volas permesi al turkoj min seksperforti, tiam ilia ismo estas vominda.

Mi bezonas, ke estu polico por preventi, ke turkoj min seksperfortu, kaj tribunalo por ilin kondamni, se ili tamen faras. Mi deziras, ke la konsuloj de Francio rifuzu vizojn al homoj, kiuj ne sufiĉe konas la francajn morojn antaŭ ol veni al Francio. Ekzemple la viroj, en kies kulturoj mankas la kristandevena principo, ke viro ne seksumu kun virino sen ŝia konsento; aŭ gepatroj, kiuj volas ekscizigi siajn filinojn. Tiuj homoj ne venu al Francio antaŭ ol ili lernos la francajn morojn!

Iam miloj da Belgoj manifestaciis, por ke estu en Belgio pli efikaj polico kaj justico. Ĉu vi vere volas lasi liberaj Dutroux-on kaj ceterajn pedofilojn?

La amara sperto de la franca maldekstro estas ke, kiam ĝi ne sufiĉe zorgas pri la sekureco, tiam la laborista klaso voĉdonas por la faŝistoj.

La membraro de Amnestio Internacia demokrate decidis, ke la asocio subtenu la kreadon de la internacia puna tribunalo. Via rifuzo partopreni en tiu agado spitas la demokratecon interne de nia asocio.

Alia signo de malmatureco de la anarkiistoj estas, ke ili konscias nur pri siaj rajtoj, kaj tute ne pri siaj devoj. Kiam oni estas membro de iu asocio, oni devas aktivi por la statutaj celoj de la asocio. Ekzemple, SAT celas liberan diskutadon. Konsekvence, ĝia Plenumkomitato tute ne rajtas senigi la kristanajn kaj komunistajn SAT-anojn je ilia esprimrajto.

La statuto de Amnestio Internacia komenciĝas per :

"La celo de Amnestio Internacia estas tiu de mondo, en kiu ĉiu persono ĝuas la tuton de la rajtoj enskribitaj en la Universala deklaracio de la Homaj rajtoj". Konsekvence, aperigi en Esperanto-gazeto artikolon, kiu misfamigas la universalan deklaracion de la homaj rajtoj, estas ago kontraŭ la statuta celo de Amnestio Internacia.

Tiam mi sendis al la flandra sekcio de A.I. kopion kaj franclingvan tradukon de via artikolo. Mi tre bedaŭras ke ili ne respondis. Se vi estus membro de mia grupo, mi petus vian eksigon. Ni ne bezonas diletanton, kiu ne scias, por kiu celo la asocio aktivas.

Kara Jakvo, ni ambaŭ estas liberaj homoj. Sed via libero finiĝas tie, kie komenciĝas la mia. Evidente vi ne aktivas por la statuta celo de Amnestio Internacia. Tio signifas, ke vi misuzas nian asocion por la celoj de via propra politika movado. Ĉar mi estas membro, MIN vi misuzas. Mi rajtas min defendi.

Mi tute ne povas kompreni, kial vi restas membro de asocio, kies celon vi malaprobas, kaj kies demokratajn decidojn vi ne respektas. La luktado kontraŭ la senpuneco estas grava parto de la agado de AI. Ĉu ankaŭ tion vi scias? Kiam la Plenumkomitato de SAT skribis leteron, kiu klare difinas SAT kiel ateistan asocion, mi eksiĝis. Neateisto povas esti membro de asocio estrata de ateistoj sed ŝi/li ne povas esti membro de ateista asocio. Sekve de mia eksiĝo okazis debato, fine de kiu, la P.K. promesis respekti la statutajn rajtojn de la kristanaj membroj. Tiam mi revenis. Amnestio Internacia celas la aplikadon de la universala deklaracio de la homaj rajtoj. Vi ne rajtas fajfi pri tiu deklaracio kaj aktivi ĉe Amnestio Internacia. Vi estas libera aliĝi al iu ajn asocio, sed, se vi aliĝas, tio kreas al vi devojn. Mi bedaŭars, ke la anarkiistoj tion ne komprenas, nek ĉe AI nek ĉe SAT.

Kiel vi, mi bedaŭras la troan rolon de la angla lingvo ĉe Amnestio Internacia. Sed mi neniam skribas en Esperanto al diktatoro. Male de vi, mi ne fajfas pri la sekureco de la esperantistoj de lia lando. Se diktatoro ricevas leteron en Esperanto, kiu kontraŭas lian diktaturon, la risko estas, ke li konkludos, ke la Esperanto-movado de lia lando estas opozicia movado. Ĉu vere via anarkiismo senigas vin je la kapablo racie pripensi pri la realo?

Kiam mi aperigis en "Laŭte !" alvokon pri la sufismanino, mi konsilis ne skribi en Esperanto. Mi petis, ke tiuj, kiuj tion kapablas, skribu en la araba lingvo al la ĉefministro de Egiptio, kaj la aliaj en siaj naciaj lingvoj. Mi ne volas endanĝerigi la egiptan Esperanto-movadon.

Jam aliaj SAT-anoj demandis la instancojn de Amnestio Internacia pri la eblo krei Esperanto-sekcion. La respondo estis, ke sekcio de AI devas agi en preciza teritorio. Tial ne povas esti Esperanto-sekcio de AI. Konsiderante la danĝeron skribi en Esperanto al diktatoro, ne estas prudente, ke ekzistu esperantlingva AI-grupo.

Kara Jakvo, via anĝelismo estas ĉarma, sed tre danĝera. Vi ne posedas eĉ unu gramon da prudento. Mi tre timus, se mi devus vivi en socio organizata laŭ viaj ideoj.

Tamen kamaradece,

Jacqueline Lépeix

**Pagu vian kotizon por certigi la ricevon de venontaj numeroj de Sennaciulo**